# Kajeroj el la Sudo



BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)





Nº 6.- Aprilo - Majo - Junio 1990.

KAJEROJ EL LA SUDO.-bulteno de Hispana Asocio de Laboristoj Esperantistaj. (HALE).

Sidejo: Str. Sol, 75.-E-41003 SEVILLA.-Hispanio.

Prezidanto: Manuel López Hernández

Sekretario: Fco. A. Antúnez Romero

Kasisto: Tomas Caspe Cereijo

---

Redaktoroj de la bulteno:

Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe, 26.-1º
50002-ZARAGOZA (Hispanio)

Miguel Fernández Martin
Santa Genoveva, 58
28017-MADRID. (Hispanio)

---

Kovrilo: Studo pri pentraĵo de Rubens.

---

Enhavo:



---

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

---

## TRASCENDAJ HOROJ...

*Vertiĝo. Tempo de vertiĝo. Vertiĝo de la tempo. Ĉiuminute la nuna historio vokas nin, frapas al nia brusto por elmeti antaŭ niaj okuloj harhirtigajn abismojn, konfuzajn trapasejojn kaj bukedojn da promesoj, por stringi nian spiriton oldigante hodiaŭ la eventojn de ĝi akuŝitajn hieraŭ, por konsterni nin forblovante senĝene la plej solidajn fortresojn, farante suplaj la plej ankilozitajn artikojn de la monda socia korpo. Vertiĝo kaj kapturno pro la vulkana nuno. Kaj espero.*

*Ni eniĝas en la tagojn blinde-palpe, anksie, kun la timo, ke ni faros mispaŝon kaj vakuen spiralfalos, kun la impreso, ke subite la sekundoj lavangos sur nin... sed samtempe fascinitaj de tiu ciklono da ebloj, sendube graveda je printempoj.*

*Vertiĝo pro la hasto, pro la denseco de la horoj. Kaj espero. Oni heroldas la anticipan alvenon de la dudekunua jarcento. Tiom ŝanĝiĝis la mondo en la daŭro de nur kelko da monatoj!*

*Kaj tamen ni, la homoj de "Kajeroj", simpla guteto en la hulplena oceano de la prezenco, tiel humile kaj modeste, kiel ĉe nia apero, kvankam absolute pli fervore, invitas vin refoje en ĉi vertiĝodonaj, konfuzaj kaj promesplenaj momentoj kuniri en la utopion per la vojoj de la realo, hejti nian kunan kamenon per la ardo kaj la forto de niaj argumentoj, tajlori niajn vestojn laŭ la mezuro de tiu futuro tiel tuja, ke ni jam tuŝas ĝin per la pinto de la fingroj, debati kun kaj kontraŭ ni, libere esprimi viajn ideojn pere de ĉi paĝoj kun vokiteco de forumo aperta al la laborista-esperantista movado, al la aeroj progresemaj, al la maldekstrularo, sisteme forpelata disde la "neŭtralaj" medioj kaj pli interesata ol neniam en la difino de sia esenco... Kaj E-e revi. Kial ne? Ĉu ne revas la maro?*

*La Redakcio.*

# NETOLEREBLA AGRESO

Antaŭ nelonge, ne pli ol kelkaj semajnoj, la Alta Tribunalo de Usono mirigis la homaron per monstra rezolucio tute arbitra kaj kontraŭdemokrata: ĝi decidis, ke la nordamerika polico, sen speciala leĝa mandato, povas eniri en la domicilon de eksterlanda civitano kaj perforte invadi tion ĝis nun tradicie kaj leĝe respektata de ĉiuj: la hejmon de ĉiu homo.



Tiu sovaĝa rezolucio grave atakas unu el la fundamentaj principoj de la Universala Deklaracio pri Homaj Rajtoj, akceptita kaj proklamita de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj la 10an de Decembro 1948, kies 12a artikolo tekstas jene: "Neniu suferu arbitrajn intervenojn en sian privatecon, familion, hejmon aŭ korespondadon, nek atakojn kontraŭ sia honoro aŭ reputacio. Ĉiu rajtas ricevi juran protekton kontraŭ tiaj intervenoj aŭ atakoj". Sed tiu decido, abomena kaj netolerebla, des pli kondamninda, ke ĝi eksplicite aplikeblas ne nur en la usona teritorio sed ankaŭ en la ceteraj landoj.

Malfacile oni povas kompreni, ke lando pretendanta prezenti sin antaŭ la mondo kiel ĉampiono de la homaj liberoj kaj demokratio, decidis proklami tiun nedefendeblan leĝon. Tute nekompreneblas, ke tiu decido ŝprucis el Alta Tribunalo, el leĝistoj. Kaj ankoraŭ pli nekompreneblas la malforta reago kontraŭ tiu leĝo far la progresemaj popoloj, juristoj, institucioj, partioj, sindikatoj, ĵurnaloj, ktp. Jes, la protesto estis unuanima en la tuta mondo, sed, niaopinie, tro malforta kaj montris iamaniere la timon pri eventualaj reprezalioj flanke de la ĉiopova sinjoro de la dolaroj. Apenaŭ kelkaj ĵurnaloj, kaj sen la sufiĉa insisto kaj emfazo, komentis kaj kondamnis la leĝon, kaj, tamen, neniu civilizita homo devas silenti!

Nun, kiam jam ne plu ekzistas la preteksto de "la terura komunismo kaj la danĝeraj komunistoj", kiam ne plu estas menciindaj la alveno de imagaj "lupoj" dezirantaj vori la nordamerikanojn, kion celas la "amerika ĝendarmo" per tiu leĝo perforta, kiu lokas Usonon ekstere de la civilizita mondo?

Pasive, oni rigardis dum jardekoj la arbitran kaj raban politikon de Usono en Centra kaj Suda Ameriko. Laŭ la usonanoj temis pri "ilia korto", sed per tiu leĝo, ilia korto etendiĝas nun al la tuta mondo: atencante kontraŭ la jurisdikcia imuneco de la hejmo, ĝi, Usono, starigas ĝan-

galan leĝon, la leĝon de la plej forta, kaj, evidente, ne nur malobservas bazan punkton de la Internacia Juro, sed unu el la tradicioj plej respektataj de ĉiuj popoloj.

Tiu ĉi artikolo neniel intencas fari antiamerikanismon. La redaktoroj de ĉi modesta gazeto neniam apartenis aŭ apartenas al iu ajn el tiuj klanoj engaĝitaj pro politikaj interesoj aŭ fanatikeco al kampanjoj orkestritaj de certaj influhavaj enklavoj de nia planedo. Nia obsedo estas la demokratio kaj la homaj liberoj: la defendo de la homaj rajtoj kaj fundamentaj liberecoj de la individuoj, speciale tiuj de la laboristoj. Kun bedaŭro ni sciis pri la proklamo de tiu nordamerika leĝo, fakte nepardonebla agreso kontraŭ la homo. Kaj ni protestas per ĉiuj niaj fortoj!

Ŝajnis, ke post la iom-post-ioma malapero de la diktaturaj reĝimoj en Sud-Ameriko kaj orient-eŭropaj landoj, ni eniris en trankviligan tempoperiodon, sed tiu leĝo kaj aliaj perfortaj sintenoj de la nordamerikanoj montras, ke ni ne devas malstreĉi nian vigladon...

Ni, esperantistoj, homoj apartenantaj al kultura minoritato tutplaneda, vivege protestas kontraŭ tiu leĝo atakanta la fundamentojn de la kunvivado, kaj esperas, ke ĉiuj E-gazetoj de la mondo protestos kontraŭ ĝangala leĝo, kies signifo senerara estas atako kontraŭ la homo.

"Kajeroj el la Sudo", organo de HALE, kredas al la homa digno kaj tial firme protestas!!!

La Redakcio.

---

# ADMINISTRA ANGULO

Ni atentigas niajn abonantojn, ke kun la sendo de tiu ĉi numero ni atingis la ekvatoron de niaj sendaĵoj en 1990, kaj tial estas oportuna momento por pagi la abonkotizojn, ĉu la nunjaran aŭ la pasintjaran (tiuj, kiuj ne pagis ĝin ankoraŭ).

Ni kvitancas jenajn pagojn:

| | | |
|---|---|---|
| D-ro José Olavide . . . . . . . . . . . . . . | 800,- | Ptoj. |
| S-ro Victor Ortiz Gratal . . . . . . . . . . | 800,. | " |
| K-do Peter Holt (donaco) . . . . . . . . . . | 1.000,- | " |
| Sumas entute . . . . . . . . . . . . . . . . | 2.600,- | " |



# DEZIRAS KORESPONDI...

23-jara instruistino, kolektas poŝtmarkojn kaj bildkartojn.Interesatoj skribu:Klara Pinczes;Dozsa Gy u.13.H-3162 SZAGJFALU.Hung.

***

S-ino Peŝka Hr.Dobreva;P.K.46.-1156-SOFIA dez.kor.pri diversaj temoj kun gehispanoj.

***

22-jara universitata studentino dez. kor. pri lingvoj,vojaĝoj,muziko. Bonv. skribi: Szabo Andrea;Szirmabesenyö 3711;Dozsa Gy ul.14.Hungario.

*** *** ***

Gegimnazianoj 14-15-jaraj dez. kor. kun ĉiuj landoj: "Esperanto Grupo Amikeco";3525-Miskolc;Dayka ut 4. Hungario.

*** *** ***

Kolombiano petas helpon por starigi entrepreneton kaj gajni sian ĉiutagan panon,de antaŭ longe li ne trovas laboron.Bonv. monhelpi aŭ solidare skribi:Jorge Velazquez G.;Calle 54 nº 56-12. Medellin.- Colombia.

*** *** ***

27-jara bibliotekistino interesiĝas pri geografio, turismo, literaturo,ktp. Adreso: Ivona Broniewska; ul.Stalingradzka 20 m.;03-468 Warszawa. Pollando.

*** *** ***

71-jara pensiulo, praktikas lignoskulptadon,studas naturkuracadon, dez.kor.kun ĉiuj landoj.Adreso: Bozgaiosif; Str. Baia Sprie, 65/10. 4800-BAIA MARE.Rominia.

*** *** ***

35-jara lernanto de Esperanto dez. kor. por praktiki la lingvon kun ĉiuj landoj.Adreso:Jan Sitarz; ul. Koscinszki 40 m. 9.;80-446 GDANSK. Pollando.

*** *** ***

28-jara studemulo dez.kor. kun gehispanoj,iomete scias la hispanan.Skribu:Milan Mörtl;Gothoaldova,1834;35801-Kraslire. Ceĥoslovakio. C.S.S.R.

*** *** ***

34-jara instruistino, sola esperantistino en vilaĝeto,dez. kor. kun gehispanoj. Adreso: Lajosné Barath; H-6447-Ielsôszentivan.; SZABADSAG. u.53. Hungario.

*** *** ***

# LA MOVADO EN KAJ EKSTER IBERIO

Madrido.- Februare 1990 la kunredaktoro de "Kajeroj"k-do. Miguel Fernández Martin, prelegis pri la temo "Federico Garcia Lorca kaj la traduko de liaj poemoj" en radioprogramo. Same k-do Fernández prononcos dutagan prelegon pri la poezio de Lorca en la kadro de la jubilea 50ª HEF-kongreso okazonta Julie 1990 en Sant Cugat del Vallés, kie samtempe okazos ankaŭ la Generala Asembleo de HALE.

Kiel niaj samideanoj bone scias, nia kolego Miguel, granadano, same kiel Lorca, estas unu el la plej elstaraj specialistoj pri la poezio de la granda hispana poeto murdita en 1936.

*** *** ***

En tiu ĉi urbo mem okazas pluraj Esperantaj kursoj: Ce "Casa Cantabria",Plaza de España, 18; ĉe "Spiritisma Asocio",Puerta del Sol, 14.-3º; ĉe"Madrida E-Liceo"str.Atocha, 98.-4º; kaj en la Centra Oficejo de HEF, str.Rodriguez de San Pedro, 13.-3º.P-7.

*** *** ***

Malago.- Unua Internacia Renkontiĝo kaj 8a Andaluzia E-Kongreso en Torrox (Malago).- De la 7a ĝis la 14a de Oktobro 1990. Loĝado kaj tri manĝoj en tre bela Restadejo apud la plaĝo en 2, 3, 4, 5, 6, kaj 7-litaj ĉambroj, ĉiuj kun necesejo kaj duŝejo.
Venu kaj feriu en Torrox en agrabla etoso, vilaĝo de la Suna Marbordo, kun, laŭdire, la plej bona klimato en Eŭropo.
Prezo por la tuta semajno: 14.000 pesetoj.
Informoj, mendoj, pagoj: Andaluzia Esperanto-Unuiĝo;Poŝtkesto864. E-29080-MALAGA. (Hispanio).

*** *** ***

Berlino.- La GDR-Esperanto Asocio invitas la esperantistojn al interesa Internacia Seminario en Bad Saarow, de la 27a ĝis la 2a de Majo 1990. La temo "Esperanto, objekto de akademia instruado kaj esploro".

Interesatoj sin turnu: Esperanto Asocio en Kulturligo O-Nuschkestr. 1. Berlin. DDR-1080.Rep.Dem.Alemana.

*** *** ***

Montpellier.- La "Centre Culturel Esperanto" invitas la esperantistojn al la 13a kaj 14a Internaciaj Semajnoj de Esperanto. La unua en vilaĝeto de franca montaro Alpes;la dua en havenurbo SETE..

# KIAM LA HISTORIO SENBRIDIĜAS

Kaputas la murego de Berlino. Bonvenu, fratoj. Jen nia mondo dismalfermas al vi siajn pordojn. Alpaŝu al nia eldorado laŭ takto rokenrola,havigu al vi viajn unuajn aŭtentajn ĝinzojn, spraju viajn akselojn per plej fajnaj parfumoj, atingu la plezuran klimakson per la tikla eksplodeto de la bobeloj koka-kolaj sur via gorĝo, furaĝu vin per hamburgo-sandviĉoj kaj forsponginte ĉiajn idealojn en via cerbo, ekrevu nur pri plej rapidecaj flamantaj aŭtoj, pri plej altteknologiaj son- kaj video-sistemoj, eniru en la universon de la komputoroj kaj la diĝita elektroniko kaj konkuru kontraŭ ĉiuj por enviciĝi inter la veraj triumfantoj, nome la plej monhavaj.



Dissaltis la ferkurteno. La pulvo de la liberavido bezonis nur taŭgan prajmon, **la perestrojkon,** por elĉenigi la eksplodon. Ankoraŭfoje la libero ŝanĝas la kurson de la historio.Ankoraŭfoje tiu pravigas la asertojn de la disdegnataj liberecanoj kaj antiaŭtoritatanoj ĉiutempaj: la ekspluatado de la homo per la homo ne finiĝas, kiam la laboristaro konkeras la produktrimedojn.Endas ne nur memmastrumi ilin ekster ajna gvidanta kasto, interpretanto de la popolaj aspiroj, laborista kvintesenco ema burokratiĝi, koruptiĝi -la potenco koruptas-, tiraniiĝi, sed konstrui novan modelon de interrilatoj surbaze de libero, egalo kaj interhelpo, naskontaj la novan homon, la plenan homon, samtempe mergiĝantan ĝisfunde en la socian teksaĵon kaj mastron de si mem.

Jam antaŭ cent dudek kvar jaroj la Unua Internacio proklamis en Ĝenevo: "ke la emancipiĝo de la laboristoj estu farata de la laboristoj mem". Jam, same pasintjarcente, Bakunin deklaris: "Ke la libero sen socialismo egalas al la privilegio, al la maljusto; kaj ke la socialismo sen libero egalas al la sklaveco kaj la brutaleco". "La egalo eblas nur kun kaj per la libero. Egalo sen libero, jen la ŝtata despotismo. Kaj la despota ŝtato ne povus ekzisti eĉ unu solan tagon sen havi almenaŭ unu ekspluatantan kaj privilegiitan klason". "Nenia diktaturo povas havi alian celon, ol daŭradi, nenia diktaturo povas naskigi kaj disvolvi en la popolo, kiu ĝin elportas, ion alian krom sklaveco; la libero povas esti kreata nur per la libero".

Kaj nia Anselmo Lorenzo (1841-1914), dudekkvarkarata persono, jene resumis siajn konsiderojn pri la afero: "Ĉiu homo povas iĝi via kunlaboranto, sed neniu via direktisto, absolute neniu, eĉ ne la plej bona, eĉ ne la plej saĝa, eĉ ne la plej elokventa, eĉ ne la plej kuraĝa; ĉar, eĉ se en li plejaltgrade kolektiĝus ĉiuj ĉi kvalitoj kune kaj multaj pliaj, ĉiam li pli malsuperus, ol la tuto de la viroj kaj la virinoj, kies gvidadon li entreprenus, kaj, tial, ke lia supereco limigus tiun de liaj direktatoj, li nepre estus tirano. Pro tio, laúdire, S-ro La-Tuta-Mondo scias pli,ol ĉiuj saĝuloj".

Kaj, tamen, la saĝuloj kaj saĝumantoj, la brilcerbuloj kaj pedantaj interpretistoj de la hermeneútikaj kleoj de la scienca socialismo vidis nur dupaĵon en ĉi trafaj, mi dirus profetaj, startpunktoj de niaj poetoj de la socia justo.

Nun, kiam la ferkurteno renversiĝis, kiam la transaj popolamasoj, ĝisoste enuigitaj de diktaturoj, forskuas jugojn kaj katenojn kaj -kia bedaúro !- identigas socialismon kun infero kaj kapitalismon kun paradizo, la ruĝaj popoj orient-eúropaj ĵus malkovris la liberon kaj travestias sin per socialdemokrataj kostumoj, dum la okcident-eúropaj jen krucas la brakojn kaj sidas en pelmelo neniofare, jen frapas al la pordo de la Dua Internacio, la prezentinda belvizaĝa flanko de la kapitalismo, aú palpebrumas al ĝi... Kia sarkasmo de la historio!

Disfrakasiĝis la ferkurteno. Principo pri ago kaj reago: en GDR kaj Hungario la popolo balotas por la dekstrularo; en Pollando kristano ĉefministras, la Eklezio fariĝas la unua politika forto, kaj la enketoj elmontras la tendencon kapitalisman kaj konservativan de la majoritato; en Sovetio kaj pluraj aliaj landoj el la socialisma bloko la fanatikecoj etnaj makulas la vivon per sango, kaj ĝuste tiu principo pri ago kaj reago sekvigas groteskan deformon de la realo: okaze de manifestacioj kaj protestoj ĉi-landaj ne malofte vidiĝas flirtantaj flagoj de Usono kiel paradigmo de demokratio, kiel socipolitika modelo dezirinda kaj liberiga. Ĉu oni forgesis, ke laúlonge de ĉi jarcento Usono invadis, por ekzemplo, Latin-Amerikon pli ol cent fojojn, ĉiam nome de la demokratio kaj ĉiam por altrudi sabroregadojn aú pulĉinelajn registarojn, savantojn de la minacata mono? Cu oni ne scias, ke la ŝtonkartona kapitalisma mondo, ŝtopas sin per paperserpentoj kaj konfetoj, blindigaj reklamlumoj kaj butikoj koste de la plej nigra mizero de la tri kvaronoj de la homaro, de la dekmilo da infanoj ĉiutage mortantaj de malsato?

Momentoj de konfuzo. Distordoj de la vero. Kompreneblaj translimiĝoj kaj transfuĝoj far homoj lokitaj rande de la angoro. Sed la tempo sedativas, kaj la okuloj vidas. Oni esperas ankoraú. Eĉ pli, ol iam ajn antaúe. La

okcidenta gazetaro stulte cimbalas la venkon de la kapitalismo super la socialismo, la morton de la maldekstraj idealoj, la krepuskon de la ideologioj, kvazaŭ la disrabo de la biosfero, la detruo de la urbaj areoj, la ruinigo de la Tria Mondo, la kraŝo de la borso kaj la financaj krizoj konstituus kategorian imperativon de la kreaĵo, kvazaŭ la transmuraj eŭropaj popoloj pretus forĵeti en rubujon la pli malpli gravajn sociajn avantaĝojn atingitajn malgraŭ la ŝtata despotismo, kvazaŭ la milionoj da marĝenuloj kaj senlaboruloj, submetitoj kaj mortantoj de malsato ne dolorus en nia koro, ne krevigus la galon kaj estigus la naŭzon ĉe la homoj meze sentivaj kvazaŭ ni devus rezigni la poezion.

Dissplitiĝis la ferkurteno. Bonvenu, fratoj, laŭtkrias la okcidentaj regnestroj, dum ili ope vulturas, ĉiu okulangule gvatante la alian por apike forsagi sob kiel unua sur la predon, la novajn konsumantojn, la novan merkaton.

Benatu la germana (re)unuiĝo, hipokritas la EK-ŝtatestroj, dum ili leporkore hastas aranĝi pintajn kunvenojn kaj ellabori strategiojn kontraŭ la evoluo de estonta lando, Germanio, kiu,(re)unuiĝinte, kun okdek milionoj da loĝantoj kaj brutta interna produktado komparebla kun tiuj de Francio kaj Britio kune, povus tremigi la fundamentojn de ĉi klubo de komercistoj nomata Eŭropa Komunumo (EK).

Bonvenu al la libero, fratoj, naive sed sincere jubilas bonvolaj homoj kredantaj je la kapitalisma libero per la efiko de la lastatempa atmosfero de triumfo super la progresemaj sintenoj. Kaj ŝprucas defetismo ĉe la socialismaj vicoj. Kaj la maldekstrularo pasie serĉas siajn radikojn. Sed de kie ni devenas? Ĉu ne de la utopio? Ni do estu realistoj, alstrebu la utopion, laŭ la moto de la junuloj, kiuj en Majo 68 komociis la mondon. Ja niatempe la burokratoj, la uzurpatoroj de la socialismo, malprestiĝis la esperon kaj enkotigis la plej belan el la homaj aventuroj. Sed mi kredas, ke la socialismo ne egalas la stalinismon. Ni turnu nin denove al la antiaŭtoritataj majstroj. Mi, verŝajne nekuracebla revulo, kredas ankoraŭ, ke la poezio eblas, ke iam la vorto libero ne plu skribiĝos per homaj sango kaj suferoj, ke la homo ne estas kondamnita al la egoismo kaj al la hida sintrenado al la mono, ke la socialismo ne forpasis, ĉar ĝi ankoraŭ ne naskiĝis, kaj ke hodiaŭ estas la unua tago de la longa vivo, kiun ĝi havas antaŭ si.

Miguel Fernández Martin

---

*Gesamideanoj: Ni petas al niaj abonantoj ne tro prokrasti la pagon de la nunjara abonkotizo. En la certeco, ke vi aŭskultos nian peton, ni jam antaŭdankas vin!*

# ĈE KABEO

Kabei: Fari kiel Kabe (pseŭdonimo de K. Bein), kiu, estinte tre vigla esperantisto, subite kaj tute forlasis la Movadon. (P.I.V.)

...kaj forlasis la Movadon en 1911, je la zenito de sia kariero. (El Esperanto en perspektivo).

Tiu ĉi verbo, kiu riĉigas nian vortaron per tia nuanco, kian la ceteraj "naturaj" lingvoj malhavas, estas unu el tiuj malfeliĉaj donacoj, kiun nia kulturo oferis al la lingvo. Ja tristas kaj afliktas la fakto, ke elstaraj esperantistoj ĝisas tiun mondon de ili vigle riĉigitan, sed paralele kaj ne tiom brue, okazas silentaj adiaŭoj far pli modestaj homoj, sennomuloj mastrintaj la zamenhofan lingvon, kiuj eterne restos sennomaj. Ankaŭ ilin ampleksas la semantika kampo de la verbo, malgraŭ la fakto, ke PIV ne mencias ilian kazon.



Amon disde malamo disigas nur milimetra distanco. Ni imagu, ke ĉe ilia koro doniĝis grava elreviĝo, kial ili ne forlasis la aferon antaŭ la akiro de matureco? Kial ili longe argumentis favore al la perfekteco kaj avantaĝoj de la lingvo? Car tiajn demandojn mi ne povas respondi, ia penso kondukis min en la konkludon, ke ne temis pri lingva elreviĝo sed pri alispeca kuraĝigo por la preno de la definitiva decido.

Se temis pri brave aktivaj movadanoj, eble ilin povis elrevigi la fakto, ke tra tiu vojo oni iras nenien, ke Esperanto ricevadas tiom multe da atakoj, kaj, ke post cent jaroj la projekto atingis tiel malgrandan sukceson, ke ne valoras plua penado. Sed se ne temis pri tiaj esperantistoj, mi ne povos ne esprimi mian bedaŭrindan konstaton, ke eble la forto ilin puŝanta eksteren troviĝas en "nia granda rondo

familia" mem. Laŭ mia propra sperto, mi ja povas aserti, ke pluraj miaj konatoj troviĝas ĉe kabeo ĝuste pro tiu kialo. Ciamaj stelistoj, kiuj post amaso da jaroj ne kapablas(simple ĉar ili ne emas) eĉ balbuti en la plej simpla el ĉiuj lingvoj; ĉiamaj "kielvifartuloj", kiuj kuraĝas (ĉar oni permesas) stiri la ĉaron de la organizaj kaj instruaj tavoloj de nia movado; ĉiamaj monolitaj sintenoj antaŭ la natura ampleksiĝo de la eblecoj de nia lingvo; ĉiamaj kvazaŭreligiaj konceptadoj de la celo de la Internacia Lingvo; ĉiama pajacado tra la arbaro de niaj aranĝoj; konklude, nekompetenta, ridinda, maladekvata kaj klaŭna sinprezento al la ekstera mondo kaj al nia mondo mem, ĉio ĉi, iompostiome **pleniĝas la amaran glason de la kabeo.**

Kompreneble, pliaj personaj kaj intimaj kialoj nenie trakteblaj estigas alispecajn kabeojn, sed mi ne povis ne ŝuti mian konkretan konstaton laŭ mia propra sperto. Multaj homoj (kaj feliĉe, ke temas ankoraŭ pri multaj) sukcesas iele-trapele antaŭeniri malgraŭ la ĵus priskribitaj cirkonstancoj, eble ĉar ili atingis konstrui ĉirkaŭ si muron fermantan ilian mondon, sed la bazo de ĉiuj kolonoj ne estas tiel fortika. Espereble la templo ne sobfalu porĉiame.

Alberto Franco Ramirez

---

## BONVOLU RIDI... SED NE TRO!

Inter vinvendistoj.- Du vinvendistoj promenas sur strando.Rigardante la maron unu el ili diras:
-Kio okazus, se tiu akvo fariĝus vino?-
-Mi ne scias, diras la alia, sed estas terure nur pensi, kiom da akvo oni bezonus por "kompletigi" tiun vinon!-

*** *** ***

Brita sciencisto asertis, ke la televido fortimigas la ratojn Laŭŝajne, la vibrado de la ondoj tiel efikas sur tiujn rodulojn, ke ili ja foriĝas de la televidaj aparatoj.

Kiam ĵurnalo aperigis la informon, leganto rapidis jene respondi:Tio, kio fortimigas la ratojn, ne estas la vibrado, sed...la programoj!

*****

## BONVOLU RIDI... SED NE TRO!

Inter fervojistoj.- Du fervojistoj amike konversacias kaj unu diras la alian: -Ĉu vere la lokomotivo-stiristo Gómez estis maldungita de nia entrepreno, nur ĉar li eniris sen permeso en la oficejon?, Mi opinias ja tre severa la punon!



-Ho jes, eble la direktoro agis iom severe, tamen konsideru atente la aferon, ĉar li eniris en la oficejon... kun la lokomotivo!

*** *** ***

En la oficejo.-
-Triafoje en tiu ĉi semajno mi kaptas vin dormanta!- Diras oficestro al simpla oficisto.
-Senkulpigu min, diris la oficisto, sed mia plej malaĝa fileto ne lasas min dormi-
-Tiakaze, diris ironie la oficestro, kial vi ne portas ĝin en la oficejon?-

*** *** ***

Paca hejmo.- -Cu estas dece veni hejmen tiel malfrue?-
-Sed... nur la deka vespere-.
-Cu vere? Horloĝo jus batis la trian!-
-Mirinde! Ĉu vi fidas pli je horloĝo ol je via edzo?-

*** *** ***

En ŝuvendejo.-
-Mi deziras aĉeti molajn ŝuojn-
?!!...
-Jes, ĉar mia edzino kutimas jeti ilin sur mian kapon-.

*** *** ***

Inter troemuloj.- La seviljanoj famas kiel tre ŝercemaj kaj sekve troemaj. Iam, ni, pluraj amikoj, konversaciis en Sevilja kafejo, kaj anglo, sufiĉe fantaziema, rakontis pri la ekzisto de fantomoj en anglaj nobelaj kasteloj. Eble ĉar li, la anglo, konstatis, ke nia atento pendis je lia parolo, li troigis la rakonton kaj transiris de la priekzisto de fantomoj al la eĥoj de misteraj voĉoj kaj tuj eĉ al konversacioj kun forpasintoj...?? La seviljano, fine decidis interrompi la rakontanton,kaj tute serioze diris al ni:

(Al 16ª paĝo)

# IOM PRI LA VUALO

*En ĉi tiu revuo, k-do Antonio Marco Botella draste kritikis kontribuon, kiun mi donis en la "SAT-Amikaro"-organo sub la titolo "La vualo leviĝas".*

*Tuj mi aldonas, ke la nuna respondo estas konfirmo de tio, kion mi skribis antaŭe. Eble, A.Marco Botella agnoskos, ke la iom supraĵa interpretado de mia teksto kaŭzis sian reagon.*

*La problemo de la laikeco en Francio estas daŭre ĉe -- la tagordo, ĉar la laikeco konstante estas pafcelata. La "socialista" registaro ne estas la lasta por subfosi ties bazojn. La ministro L.Jospin ne tro sciis kion diri kaj kiel reagi, ĉar li estas nur oportunisto.*

*La vidpunkto de sincera liberpensulo, ĝismedole laika en Francio, verŝajne ne estas la sama kiel tiu de alilanda membro de SAT, eble pro ne simila tradicio. Unue rimarku, ke por mi ĉiuj religioj estas forĵetindaj. Se mi kaptis la okazon pri la islama vualo, estas, ke la afero "iom"bruegis. Kiel elvolviĝis la sceno? : La junulinoj, kiuj surhavis la vualon estis petitaj formeti ĝin. Ili rifuzis.La direktoro kondukigis ilin en alian ĉambron. Artikoloj aperis en ĵurnaloj. Kiuj aprobis la junulinojn kiuj surhavis la vualon?: la kardinaloj Lustiger el Parizo kaj De Courtray el Liono, ĉar ili sentis sin ne tro trankvilaj (se oni kritikas faceton de alia religio, eble kritikoj al faroj de la katolika eklezio ne estus maleblaj).*

*Sciu ankaŭ, ke ĉefe la integristoj, t.e. la fanatikuloj el Irano kaj el aliaj arabaj landoj trudis al la virinoj la devigon surhavi vualon. Multe da muzulmanoj estas kontraŭ tiu trudado; sufiĉe da aliaj restas indiferentaj, precipe tiuj, kiuj naskiĝis en Francio aŭ kiuj loĝas tie de longa tempo.*

*La problemo de la laikeco implicas tutan neŭtralecon, t.e. la malakcepton de ne nur la ritoj el islamo sed ankaŭ tiuj de ĉiuj aliaj religioj -menciis mi la videblajn krucojn sur la brustoj de kelkaj. Informo aperis sur gazeto pri instruist(in)o- mi ne plu memoras, ĉu estis ŝi aŭ li, kiu alkroĉis krucifikson al muro de laika klasĉambro. Antaŭ nelonge la nica ĵurnalo informis, ke en loka liceo (Liceo Ma-*



*ssena) du profesoroj donis sian kurson surhavante sur la kapo "kippa" (speco de kaloto simila al tiu de la papo) do, kien ni iras?*

*Kiam A.Marco Botella aludas al la sinteno ĝenerala en Francio, mi konstatas, ke li pravas. Tiun sintenon feliĉe ne ĉiuj akceptas, precipe la liberpensuloj. Ni aplaŭdis al la fino de koloniismo, kondamnante la farojn de la franca armeo tie, ankaŭ cetere la manieron de koloniistoj kiuj ekspluatis la enlandanojn. Sed la starpunkto de la amiko A.M.B., kiu kritikis min -li havas la rajton tion fari- kondukas al trompo profite al tiuj, kiuj, kiel reptilioj deziras ŝteleniri en la laikan sistemon por venenigi ĝin. Mi donis la ekzemplon de kapelano kiu laŭ la "Monory-leĝo" rajtas eniri en laikan liceon pro prozelitismo. Ne estas superflue rememori, ke la leĝo de 1905 restas ĉiam valida.*

*Kiam ĉiuj emas montri sian tendencon, tiam estiĝos konfliktoj. Estas pli saĝe, pli normale konservi sian emblemon en poŝo. Tiel, en laika medio, ĉiuj povas pace kaj harmonie vivi, eĉ lerni.*

*Por mi ĉiuj homoj estas samvaloraj. Pluraj partoprenintoj en la SAT-kongreso de Narbonne en 1964 povas memori, ke lernanto de alĝeria familio akompanis mian edzinon kaj min. Kvankam mi estas ateisto, mi ne kritikas tiujn, kiuj kredas je iu aŭ al io, sed mi daŭre rifuzas, ke ili trudu sian filozofion aŭ iun ajn kredon, precipe al gelernantoj, al geinfanoj.*

*H.Chabrière*

Noto de Redaktoro.- Kiel niaj legantoj sendube jam perceptis,nia celo ne estas kritiki la personon de k-do H.Ch.,kiun ni respektas,sed igi niajn amikojn profundiĝi en la temon pri la erara eduksistemo en Francio rilate la enmigrintojn kaj precipe emfazi la bezonon de baza tutplaneda edukado,pri kiu la esperantistoj devas pioniri kiel homoj apartenantaj al kultura tutmonda minoritato. La problemoj pri la laikeco en la franca lernejo estas tute alia afero. La maltrafa aserto de H.Ch. pri "trompo,venenigo,reptilioj ktp.estas...neoportuna frazo enfermanta mankon de ideoj por defendi koncep-

(Al 16ª paĝo)

# ETERNAJ PRETEKSTANTOJ

*Unu el la elementoj en la folkloro de la Esperanta subkulturo estas la fenomeno de la "eterna komencanto", tiu-vivanta demento de la propagandista fanfaronaĵo, ke Esperanto estas facile lernebla lingvo. En tiu ĉi eseo mi ne intencas dissekci tiajn ulojn, kiuj ne kapablas enkapigi la rudimentojn de nia lingvo eĉ post plurfoja rekomenco de lernado. La nuna temo koncernas tute alian personec-tipon, kiu same estas eternulo en Esperantujo. Ĝis nun, laŭ mia scio, li ne estis adekvate priskribita en la movada literaturo, sed oni povas facile identigi tiun individuon, ĉar li aŭ ŝi, senĉese kaj plendante pretekstas pri manko de tempo. Mi baptas tiun homtipon per la nomo "eterna pretekstanto", ĉar oni ĝisnaŭze aŭdas de li, ke lia partopreno en la Esperanto-movado estas tre temporaba, kaj pro multaj aliaj okupoj, ne estas eble al li plenumi ĉiujn taskojn, kiujn <u>li mem</u> entreprenis, plej verŝajne pro soifo je famo kaj potenco kadre de la verdaj politikuloj kaj burokrataro.*

*Antaŭ pluraj jaroj, kiam okazis konflikto inter Tibor Sekelj kaj Ivo Lapenna, Sekelj amare plendis, ke malhelpis lin atingi elstaran sukceson en sia profesio la eksterordi-*

---

<u>Venas el paĝo 15a:</u> ton, kiu meritas esti pli bone defendata.
La temo sufiĉe graves por atenta studo far ĉiuj homaramantoj, kaj ne solviĝas starigante kontraŭ fanatikismo aliajn fanatikajn ideojn aŭ kadukajn ŝovinismojn. Estas tempo de ŝanĝoj, de progresemaj ŝanĝoj, kaj ni devas pretigi nin superi edukosistemon tute nevalidan por la homaro de la 21a,jarcento. La problemo fariĝas urĝa,ĉar post nur kelkaj malmultaj jaroj malaperos la landlimoj en la Eŭropa Komunumo,kaj por tiuj tagoj ni jam devas havi validan edukosistemon por niaj popoloj.En tiu senco iras nia kritiko. A.M.B.

---

<u>Venas el paĝo 13a:</u> -Efektive, nia amiko pravas,kaj tio okazas ne nur en la anglaj kasteloj, sed ankaŭ ĝuste ĉi tie:-hieraŭ nokte mi pasis apud Ĝiralda (sevilja turo) kaj mi aldiris ĝin: -Bonan nokton! kaj la eĥo respondis tuj al mi: -Bonan nokton, amiko Manuelo, iru feliĉe kaj ripozu bone!-

Se ni ne estus eksplodintaj per tondra rido, oni ne povas antaŭvidi kiun punkton estus atinginta la fantazio de ambaŭ troemuloj!.

*nara fortostreĉo kaj tempo, kiujn li foroferis por la Esperanto-movado. Lapenna kategorie rifuzis tiun pretekston, riportante, ke li akiris renomon en sia kariero kiel universitata profesoro samtempe, kiam li okupis altrangajn oficojn en esperantistaj organizaĵoj. En la historio de la Esperanto-movado estas eble trovi pli da ekzemploj de homoj, kies dediĉo al Esperanto ne rezultigis preteratenton de familiaj devoj kaj malpliintensigon de la produktiveco de ilia panĝajna laboro. Neniuj pretekstoj, kiel tiu de Sekelj, estas apogeblaj. Kiu volas, ja povas, kaj tiaj respondecaj homoj, plene okupataj en la privata vivo, en profesiaj rondoj,kaj en la Esperanto-movado, havas nek tempon nek emon serĉi pretekstojn kaj plendi.*



*Bedaŭrinde, ne ĉiuj movadaj aktivuloj pensas sammaniere, kaj lastatempe mi havis animskuan travivaĵon, kiu konvinkis min pri la realo de la kategorio de "eterna pretekstanto". La sekvaj ilustraĵoj pentros tiun tipon tridimensie.*

*En 1987 mi turnis min al la prezidantino de landa Esperanto-organizaĵo rilate tre delikatan aferon kaj petis ŝin interveni. Post pacienca atendo dum tri monatoj sen ricevi respondon, mi skribis denove. Tiam mi ricevis jenan plendokanton.*

*"Mi ja ne forgesis vian peton al mi...sed pro multaj kazoj mi ne povis fintrakti la aferon ĝis fakte hodiaŭ.*
*...Unue mi klarigu, ke mi laboras profesie, plentempe, krom aktivi en la ĝenerala administrado de la Landa Asocio kaj ankaŭ nun organizi la tri-tagan Jubilean Feston.*
*...Krom tiuj aferoj mi havas edzon kaj du filojn por prizorgi. La por-Esperanta laboro okupas grandan parton de mia*

*vivo kaj ne ĉiam eblas, ke mi metu mian tutan atenton ĉe nur unu afero".*

*Tiu preteksta prologo konsistigas duonon de la enhavo de ŝia letero! En la sekva letero, ŝi aŭdigas en pli misagorda maniero la saman tedan rekantaĵon.*

*"Nun mi petas, ke vi ne plu skribu al mi ĉar mi ne volas esti malĝentila pri ne-agnosko kaj mi havas multe da laboro por fari profesie, por mia familio,por la Esperanto-movado kaj pri la Esperanta Jubilea Festo".*

*"Ĉar ŝi ne volis aŭ ne kapablis solvi la tiklan problemon, mi ankoraŭfoje skribis pri tiu temo, kaj mia letero trafis en la manojn de la nova prezidanto de tiu Landa Asocio. Ĉar li ne donis vivsignon dum la sekvaj kvar monatoj, mi devis memorigi lin pri lia respondeco. Finfine li respondis, prezentante al mi sian version de la pretekstrefreno, kiu jam agacis miajn orelojn pli frue.*

*..."mi uzis preskaŭ ĉiun minuton de mia vivo laborante por la UK kaj respondis al neniu letero kiu ne temis pri la kongreso. La aliaj atendis vice ĝis la fino de la kongresa laboro. Nun, malrapide, mi komencas respondi al leteroj kiuj atendis. Kaj diras malrapide ĉar, unue, la postkongresa laboro ankoraŭ postulas atenton kaj, due, mi rezervas momentojn por miaj ne-esperantaj interesoj".*

*Tio estas la unua alineo de lia letero,pura preteksto okupanta preskaŭ trionon de la tuta teksto. Jen mia respondo al ĉiu el la du "eternaj pretekstantoj":*
*"Vi ne estas la sola homo en Esperantujo, kiu laboras profesie kaj dediĉas grandan parton de via libertempo al por-Esperanta laboro. Dum vi eble plende pretekstas pro tio, mi kaj multaj aliaj, kiuj estas en la sama boato, rezolute remadas antaŭen -kaj ni respondas leterojn!".*

*Por fini tiun ĉi mornan historion, mi deziras citi kelkajn vortojn, kiujn skribis al mi Reto Rossetti antaŭ pli ol unu jardeko, kiam li petis, ke mi helpu revizii registraĵojn por nova bild-vortaro: "Mi kuraĝas min turni al vi kun grava peto, kvankam mi scias vin tre okupita. Ĉe tio min konsolas la penso, ke ĝuste la homo sieĝata de laboroj trovas ofte la tempon por fari pli, dum la homo,libera -tempon ne havas-".*

*Jes ja -Rossetti pravas kiel pulvo! Plua komento,superfluas. Plagon al la eterne plendemaj pretekstantoj!*

*Bernard GOLDEN*

# *Lirikaj Paĝoj*

**RITMO DE NEGROJ EN KUBO.- de F.García Lorca.**

Kiam venos la plena luno,
mi iros al Santjago de Kubo.
Mi iros Santjagon
per nigrakva veturilo.
Mi iros Santjagon.
La tegmentoj palmajaj certe kantos.
Mi iros Santjagon.
Kiam la palmo volas cikonii.
Mi iros Santjagon.
Kaj kiam volas la banan' meduzi.
Mi iros Santjagon.
Kun la blondhara kapo de Fonseca.
Mi iros Santjagon.
Kaj kun la roz' de Romeo kaj Julieta.
Mi iros Santjagon.
Papera mar', arĝento de moneroj.
Mi iros Santjagon.
Ho Kubo, ho ritmo de la sekaj semoj!
Mi iros Santjagon.
Ho talio kun varmo kaj guto de la ligno!
Mi iros Santjagon.
Harpo el vivaj trunkoj,kajman',floro tabaka!
Mi iros Santjagon.
Mi ĉiam diris, ke iros mi Santjagon
per nigrakva veturilo.
Mi iros Santjagon.
Brizo kaj alkoholo sur la radoj.
Mi iros Santjagon.

Mia koral' en la tenebro.
Mi iros Santjagon.
La maro dronis en la sablo.
Mi iros Santjagon.
Varmo blanka, frukto morta.
Mi iros Santjagon.
Ho bovina friskeco de kanaro!
Ho Kubo! Ho kurbo de suspir' kaj koto!
Mi iros Santjagon.

(El "Poeto en Nov-Jorko")

Trad. Miguel Fernández Martin

# POEZIO HISPANA - ARABA

Tuj post la falo de la regado umaja (1) en Al-Andalus (Iberio), ĝuste koincidanta kun la maturiĝo de la poezio hispana-araba (XIª jarcento), la ĝistiame potenca Al-Andalus fragmentiĝas en multenombrajn regnojn: temas pri la tiel nomataj tajfo-regnoj. Tajfo, arabe, signifas ribelteritorion, kaj tiuj tajfoj de Al-Andalus estis, kiel fantaziaj Bagdadoj regitaj de etreĝoj, kiuj apenaŭ pensis kiel administri siajn popolojn. Ciuj ĉi regnoj rivalis inter si por prezenti kulturan rafinitan kortegon pli altnivelan ol la ceteraj...

Ekzistis tiam vera deliro pri la poezio, kiun praktikis ne nur princoj kaj sinjoroj, sed ankaŭ la homoj plej modestaj el ĉiuj sociaj tavoloj. Oni povas iom lirike diri pri tiuj jaroj, "ke ekzistis en Al-Andalus tiom da poetoj kiom da steloj en la firmamento". Unu el tiuj tajfoj plej elstaraj pri poezio estis tiu de la Seviljo de Mutamid. En unu el la multaj antologioj verkitaj en tiu epoko, tiu de Qazwini, oni skribas: "la nacia profesio dum tiuj jaroj estis verki poezion: iu ajn plugisto kapablis verki poemon pri ne gravas kia temo". Citi poeton de tiu epoko ne postulas ja grandan erudicion kaj sekve elekti poemon ankaŭ ne. Por niaj legantoj mi reproduktas ĉi sube poemon verkitan de la sekretario mem de la reĝo Mutamid, Abu Hassan Ali ben Hisn:

<u>LA KOLOMBIDO.-</u>

Tio, kio min perturbis
estis ĉarma kolombido,
surbranĉe super rivero
montranta en la pupiloj
la rubenon de mil fulmoj
kaj perlopalpebrajn brilojn;
dum ĝia kvero rivalis
kun la kaŝa akvorido
de l' river', de l'arbobrizo
kaj de la tril' de la birdoj...

II

II

La stara kolo ŝanĝbrila,
ĝia brusto lazurŝtona
kaj la pistak-koliero
kun dorso kaŝtankolora
faris el tiu estaĵo
ion altiran kaj logan...
L'akra beko estis nigra,
kiel tiu nigro nokta
de malseka inko hela
sur arĝenta kulm' malnova.

III

Sur la branĉaro ĝi pozis
kvazaŭ reĝ' sur luksa trono
kaj kaŝis sub la flugiloj
la gorĝon kun fajna zorgo,
sed, kiam ĝi min ekvidis
verŝi larmojn de malĝojo,
ĝi, de la verda branĉaro
saltis al etero-ondoj
lasante min tute sola...
sola kun mia doloro!

Kien kolombido flugis?
mi ja ne scias la lokon!



En venontaj tagoj, mi, probable, publikiĝos aliajn poemojn de tiu granda legio da hispanaj-arabaj poetoj "pli multenombraj ol la steloj".

**Komentoj, trad. kaj versigo:**

**Antonio Marco Botella**

(1)Umaja: Apartenanta al araba dinastio devenanta el Banu Umaja, el kiu kelkaj estis kalifoj de Damasko kaj aliaj en Al-Andalus (756-1031) emiroj kaj kalifoj de Kordovo.

## Trans lasta ĝiso.-

La plor-ĝemoj
elverŝas sin tra l' poroj de la haŭto.
Surstrate
iu sireno, iu...
eĥo de plendoj,
kaj la plenluno krias verdon gal-amaran,
kaj la aero splenas, lacas, limbas,
kaj breĉas mian bruston via ĝiso
por sin enŝovi en la kernon de la naŭzo.

Ce am-sonoro
kresĉendas la kor-batoj,
subite -via bildo, via ĝiso,
subite krevas seke la sapa ĝoj-bobelo,
kaj ĉio jame sombras,
saporas je tombejo la spirajo.

Senpaciencaj
la kisoj fluas mia-buŝen tra la spaco.
Ho kisoj, buŝo, spaco: la nenio!
La nokto strangoliĝas mia-gorĝe
cele al pinto de l' angoro pura,
kie la krioj boras la esencojn
martirigante lipojn aŭ suspirojn.

Forfalis la anim' sur la kalkanojn,
forflugis la kolomboj de mia okulparo.
Jen mia brusto iĝis tabernaklo
aperta al la amoj kaj la tremoj.
Kaj nur la travidebla kanto de l' infanoj
kaj senutila ploro de oldulo
ĉe l' rando mem de mia plor' subtera
povos verŝajne savi miajn sangon kaj palpitojn.

Miguel Fernández Martin

# ESPERANTO - INSTRUADO EN HISPANIO

Lingvo evoluas danke al la ĉiutaga uzateco kaj ankaŭ danke al la certiĝo, ke la venontaj generacioj konos kaj pluuzos ĝin. Kaj unu el la plej gravaj rimedoj por atingi tion estas ĝia instruado al la novaj generacioj. Kaj ĉi tio iĝas ankoraŭ pli grava, kiam temas pri lingvo artefarita, kia estas Esperanto.

La hispana sekcio de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj), kunlabore kun HEF (Hispana Esperanto-Federacio), konsciante pri la graveco de la lingva instruado kaj dezirante reguligi ĝin kaj plialtigi la lingvan nivelon, skizis stud-planon. La celo estas duobla: akordigi nian sistemon al la novaj pedagogiaj tendencoj, kaj unuecigi ĉion koncernan al la instruado de Esperanto en Hispanio. Tiu stud-plano aperis sub la titolo "REGULARO PRI LA EKZAMENA KAJ DIPLOMA STUD-PLANO POR LA INSTRUADO DE ESPERANTO EN HISPANIO" aprobita de HEF kaj ankaŭ de HALE.
Gia strukturo estas jena:

a) Unua nivelo: ELEMENTA LINGVO-SCIO.
b) Dua nivelo: B-1 Praktika branĉo: MEZA LINGVO-SCIO.
B-2 Teorio-praktika branĉo: KURSGVIDANTO (1).
c) Tria nivelo: C-1 Praktika branĉo: SUPERA LINGVO-SCIO.
C-2 Teorio-praktika branĉo: ESPERANTA INSTRUISTO (2)

(1) Stud-Objektoj por KURSGVIDANTO:
Esperanta gramatiko.
Historio de la Movado I
Esperanta Literaturo I
Esperanta Agado I
Metodologio de la Instruado de Esperanto I

(2) Stud-objektoj por ESPERANTA INSTRUISTO:
Esperanta Lingvistiko.
Historio de la Movado II
Esperanta Literaturo II
Esperanta Agado II
Metodologio de la Instruado de Esperanto II

Post la sukceso en ĉiu nivelo ILEI kaj la koncerna Asocio liveras ateston. Oni garantias la kvaliton de la ekzamenoj ĉar la ekzamenantoj nepre devas esti diplomitoj pri E-o, kaj la tribunalon devas konsistigi minimume tri personoj. La avantaĝo de tiu ĉi sistemo estas, ke per ĝi oni respektas la intencon de multaj homoj, kiuj deziras lerni nur la lingvon, ne konsiderante ĝiajn historion, literaturon, ktp (same kiel se oni studas fremdan lingvon en Lernejo pri Lingvoj). Tiuj,kiuj deziras tamen paŝi al "plena posedo" povas sekvi la esperantologian branĉon.

Manuel López Hernández

